1935

# La Revuo Orienta

JARO XVI N-RO 7 JULIO

CERVO KAJ SALIKOJ ANTAŬ LAGETO, NARA



エ・ス・ペ・ラ・ン・ト・研・究

JAPANA ESPERANTO-INSTITUTO

LA REVUO ORIENTA 目次 JARO XVI, N-RO 7, JULIO, 1935

JARO XVI, N-RO 7 JULIO, 1935

LA REVUO ORIENTA

# EL PAPERKORBO
## DE GRAMATIKULO
(6)

K. OSSAKA

### XVI. Kunmetito el tutaj vortoj.

....Por starigi en multenombro aŭ en akuzativo kunmetitan vorton el tutaj vortoj, t. e. radikoj kun finiĝoj, havantan streketon inter ili, ni aldonas gramatikan finiĝon nur ĉe la fino de la tuta kunmetita vorto, ĉar ĝi prezentas unu vorton per la tuto kaj la ripeto de la finiĝoj pezigas la vorton Ekzemple:

En siaj nacia-religia*j* principoj (OV 324/15)

Mi preparas nun por la presado unu tute gravan verkon: grandan detalan vortaron germana-esperanta*n*. (OV 178/4).

La vaporŝipo portas sur la posta flanko la germanan standardon, nigra-blanka-ruĝa*n*. (FK 214/-4).

### XVII. Procentoj.

英佛語で per cent (獨乙語 pro cent) は por cent の意の du latinaj vortoj から來てゐるのであるから何パーセントと云ふ場合 cent は複數にしない。然るに Esp. の procento は unu kunmetita vorto であるから複數形にする。

15 procento*j* = 15 per cent.

la resta*j* 40 % (kvardek procento*j*) da vortoj. (OV 308/-5).

但し 15 por cent とも云へる (FK 233參照)....

### XVIII 2 以下の數

一個は單數，二個及二個以上は複數は勿論であるが

一以下の小數分數は單數。

一以上 (二以下でも) 例へば $1\frac{2}{3}$, 1.26 等は複數。

en malproksimeco de $1\frac{1}{2}$ ~ *metroj* (FK 226/5)

La kelnero rakontis, ke la vagonaro staras jam $1\frac{1}{2}$ *horojn*. (FK 139/1)

Oni postulis nur antaŭan pagon, kiu konsistis el **unu kaj duono** da *spesmiloj* por semajno, sumo sufiĉe granda por Marta.

La insekto havas apenaŭ la longecon ĉe **duono** da *centimetro* (FK 226/24)

〔注意〕 FK 129/14 に Per tia maniero lia tuta riĉeco post unu kaj duono da *jaro* malaperis tute とあるは恐くは da *jaroj* の誤植....

### XIX. Unuj.

„Unuj" estas uzata ordinare en akompano de „aliaj", alvokata por kontrasto al „unuj", en la senco adverba „iuj" (se iaokaze mankas „aliaj", tiam ĝi estas komprenata)

La sekvanta uzo de „unuj" estas tamen alia ol ordinara (kvankam ĉi-okaze ĝi ankaŭ havas adverban sencon „iuj"):

Por la plimulto de la kulturaj popoloj estis enkondukita jam longe *unu* kondiĉa alfabeto, *unuj* (=unu sistemo de) kondiĉaj muzikaj signoj k. t. p. (FK 272/9)

Tiu ĉi uzo de „unuj" estas simila al tiu de la rusa „odni" (=unuj), pluralo de „odin" (=unu)....

Numera vorto devas esti logike orda

nombro (numerala adjektivo):

1935=la jaro mil-naŭcent-tridek-kvin*a*.

Leciono X=leciono dek*a*.

p. 36=paĝo tridek-ses*a*.

N-ro 84=numero okdek-kvar*a*.

Sed pro simpleco, k. s. oni povas uzi ordinaran nombron:

Al lia moŝto, sinjoro Ivan Vasiljeviĉ Trjapkin, en Sankt-Peterburgo, strato Poŝt-oficeja, domo numero *naŭdek-sep*, en la korto, tria etaĝo, dekstre. (Rz)

ペテルブルグ市郵便局通り九十七番地，中庭内三階右側 I. V. T. 閣下。(歐洲の住宅建物は多く中庭を有し，往來より中庭に入る通り拔けの通路門あり，中庭より段階にて各階の住居へ上る)。

### XXl . . . Jaraĝa . . .

『彼は四十八才である』を英語では He is 47 years old と云ふが Esp. では

Li havas 47 jarojn.

と云ふが普通。勿論理論的には Li havas la aĝon de 47 jaroj であるが毎年馬齢を加へて 47 年を有つと云へるわけ。又は

Li estas 47-jara.

と云つてもよい (Li estas 47-jara homo) の意味)。但し日本人で aĝa を入れて 47-jar-aĝa と云はねば氣のすまぬ人があるが，これは甚だ eŭfonio の上から耳ざはりのきわみ，避けるがよい。

La gracia, bele vestita *tridek-kelk-jara* virino kun majstreca hartubero malantaŭ la kapo kun regulaj, kvankam iom velkaj trajtoj de la vizaĝo. (M 92/18)

すんなりとした，身なりのよい三十がらみの年增，上品なまげを低く結つて，うば櫻とは云へとゝのつた顔立。

因に日本の『數へ年何才，取つて何才』は順序數詞を用ひれば曲りなりに表はせる。例へば『彼は 48 才である』は

Li estas en la kvardek-oka jaro.

西洋でも何『世紀』は數へ年である。例へば la unua jarcento (又は centjaro) は零年から 99 年迄，二十世紀は 1900 年から 1999 年迄である。なほ歐洲大陸に於ける時計の云ひ表はし方も數へ年式である。即ち零時から一時迄が la unua horo, 一時から二時迄が la dua horo であるから**一時十三分は『第二時の十三分』**:

Dektri minutoj *de* la **dua** horo=dektri minutoj *post* la **unua** horo=la unua (horo kaj) dektri minutoj.

一時と二時の間、即ち『第二時』の十三分であるから de を用ひれば 13 m. de la dua と云ふ。然るに post を用ひる場合は一時が鳴つてから後十三分の意であるから 13 m. post la unua と云ふのである。

獨乙などでは更に四分の一時間 (kvarono) 宛を標準とする故，隨分日本の遊子の心膽を寒からしむる時間の云ひ方をする:

Du minutoj antaŭ tri kvaronoj de la kvara. 第四時の四分の三の二分前(とは三時四十五分から二分引いた)三時四十三分(のこと)。

まことにややこしき極みである。然し獨乙人に云はせると一時間を kvarono, duono, tri kvaronoj を入れと四つに割つて標準を定め、それの何分前後、と表示するのだから非常にわかりがよいとの事。だがなれぬ者には反つて厄介。依て吾人は何時何分前，過ぎなどと云はず可成り國際的に用ひられて居り、列車時刻表などに用ひられてゐる時刻表現法を推奬したい。即ち三時四十三分は

3.43 la tria (horo) kvardek tri (minutoj).

午後は二十四時間制を採用すれば antaŭ-tagmezo, posttagmezo, mateno, vespero などの語を附加する必要がなくなる。例へば午後六時半は一日での第十八時半であるから

la dekoka (horo) kaj duono.

なほ『時刻』には前置詞 je が慣用せられるのは御承知の通り

je la deka kaj duono. 十時半に。

序乍ら日、月、年等其他の『時間』には en が用ひられる。但し手紙の『日附』のときは日は前置詞省略の目的格、月の前には de, 年はそのまゝ附記するのが一般の習慣。例 La 22-an (tagon) de Majo, (la jaro) 1935.

# TAKETORI-MONOGATARI

## (2)

Aŭtoro nekonata
Eljapanigis Masami IGARAŜI

La nobeloj revenis al sia hejmo, sed ilia penso flugis ĉiam al ŝia loĝejo. Tiom forta estis ilia sufero, nek preĝo, nek peto antaŭ Dio helpis por forigi la suferon. Malgraŭ tio, ili ne perdis esperon, ke ŝi nepre edziniĝos en estonteco; kaj ili daŭrigis la viziton, kaj ili tiel klare elmontris fortecon de sia pasio, ke la maljunulo devis fine paroli al la fraŭlino: — „Pro la favoro de Budao, vi destiniĝis veni al ni kaj ni nutradis vin zorgeme de infaneco ĝis knabineco, tial mi petas, ke vi bonvolu aŭdi parolon de mi, maljunulo."

Kaguja-hime respondis: —

„Kion ajn parolas mia patro, mi ne povas ne aŭdi? Mi ne scias, kia destino venigis min al vi, sed mi nur vidas en vi mian karan patron."

Tiam la maljunulo rediris: —

„Mi tre ĝojas pro via diro, filino; sed pripensu, ke mi estas maljunulo, kiu aĝas jam pli ol sepdek jarojn, kaj hodiaŭ mi vivas kaj morgaŭ povos ne vivi. La homoj en mondo estas sur la destino, ke ĉiu viro edziĝas al virino kaj ĉiu virino edziniĝas al viro; poste prosperas la familio. Alie, nenio estus en ordo."

Sed Kaguja-hime diris: —

„Kial ni devas konduti laŭ tia maniero?"

„Kvankam vi ne estis mia infano en la origino, vi havas korpon de virino. Ĝis kiam mia vivo ankoraŭ daŭras, tiam vi povas esti en nuna stato. Sed, la sinjoroj petas vian manon dum monatoj kaj jaroj, kaj mi preferas, ke vi volos akcepti proponon de ili kaj decidos edziniĝi al unu el ili."

Kaguja-hime respondis: —

„Ili amas min kun nebela figuro, tamen mi timas, ke, se mi edziniĝus al iu, kiu ne havas sincerecon, tio kaŭzus en li kapricon kaj tiam min frapus pentego. Tial, eĉ se mian manon petus tre nobla sinjoro en la mondo, mi neniam akceptus tion, antaŭ ol mi komprenus lian sincerecon."

„Ha, ankaŭ mi samopinias!" diris la maljunulo. „Al kiu sinjoro vi volas edziniĝi? Ĉiu el la sinjoroj estas tre sincera, mi kredas."

„Mi nur volas sciiĝi, kiom estas fideleco de la sinjoroj. Tiel similaj estas la koroj de homoj, ke oni ne povas facile taksi, kiu estas pli bona.

Mi petas, iru al la kvin sinjoroj kaj diru al ili, ke via filino servos al tiu, kiu pruvos sin la plej volora por edziĝi."

La maljunulo konsente kun ŝi diris: —

„Bona ideo!"

Jam vesperiĝis kaj kolektiĝis la sinjoroj kaj ili serenadis al la fraŭlino kun flutmuziko, kun kantado, kun ĥoro, fajfado, kaj kun kadenca batado per ventumilo. La maljunulo iris al ili kaj diris jene: —

„Dum monatoj kaj jaroj, vi, estimataj sinjoroj, vizitadis mian mizeran loĝejon, pro tio mi dankas vin el la tuta koro. Ĉar mi travivis jam multajn jarojn kaj ne scias, ke mia vivo finiĝus hodiaŭ aŭ daŭrus ĝis morgaŭ, do mi proponis al mia filino, ke ŝi elektu unu el vi por edzo; sed ŝi volas kompreni, kiu el vi estas la plej valora, kaj ŝi edziniĝos nur al tiu. Al mi ŝajnas, ke ŝia diro estas tute prava kaj neniu plendos poste."

Ankaŭ ili diris unuvoĉe — „Estas bona ideo!"

Tial la maljunulo iris internen kaj parolis kun la fraŭlino, kaj ŝi esprimis sian volon jene:

„En Tenĵiku[5] estas sankta ŝtonvazo de Budao, mi petas al Princo Iŝicukuri, ke li alportu kaj donu ĝin al mi. Kaj sur la monto Hoorai,[6] kiu kuŝas en la orienta oceano, kreskas arbo kun radikoj el arĝento kaj trunko el oro kaj fruktoj el pure blankaj juveloj, mi deziras al Princo Kuramoĉi, ke li donacu al mi branĉon de la arbo. En Morokoŝi[7] troviĝas felvesto de fajro-rato, mi petas al la Udaiĝin alporti ĝin al mi. Al la Dainagon Ootomo mi postulas la kvinkolore brilantan juvelon, kiu estas ĉe la kapo de drako; kaj de la Ĉiunagon Isonokami mi volas ricevi la kaŭrian ŝelon, kiun posedas hirundo."

Sed la maljunulo diris: —

„Tre malfacilaj taskoj estas tio ĉi ĉio — la postulataĵoj ne estas troveblaj en ĉi tiu lando. Kiel mi pavas sciigi al ili, kion vi diras?"

„Ne, tio ne estas malfacila por homa kapablo," respondis la fraŭlino.

Tial la maljunulo diris: — „Do, mi obeas vin." Kaj elirinte li anoncis al la nobeloj:

„Tiel iris la afero, kaj ĉi tiuj estas la taskoj de ŝi donitaj, por ke vi pruvu vian valoron."

Tamen, la princoj kaj la sinjoroj murmuris inter ili kaj diris: —

„Estas pli bone, ke ŝi klare rifuzus nian viziton." Ili ĉiuj returnis sin al la hejmo kun malespero.

## III. La Sankta Ŝtonvazo de Budao.

La koro de Princo Iŝicukuri estis tiel flamanta, ke li preferus eĉ sin neniigi el la mondo, se li ne povus vidi la fraŭlinon; do li decidiĝis alporti la postulataĵon, kvankam ĝi ekzistas nur en Tenĵiku. Sed la princo estis ruza kaj ne ŝatis vojaĝi por la serĉo, ĉar al li ŝajnis tre malfacile trovi la vazon, kiu, laŭ onidiro, troviĝas unu sola en Tenĵiku, eĉ se li veturus centojn da miloj da mejloj. Tial, li sciigis al Kaguja-hime: — „Hodiaŭ mi ekveturas al Tenĵiku por serĉi la ŝtonvazon." Kaj li kaŝis sin en la provinco Jamato, kaj post tri jaroj, en monta bonzejo en Tooĉi, li trovis sur altaro de Binzuru[8] tre nigre fulgomakulitan vazon, kiun li prenis kaj enmetis en sakon el brokato.

Due li alligis la donacaĵon al artefarita florbranĉo,[9] kaj alportis ĝin al la loĝejo de

5) japana arĥaika vorto por „Hindujo."
6) mitologia insulo; oni diras, ke tie loĝas *sennin*, popolo de tre longa vivo.
7) japana arĥaika vorto por „Ĉinujo".
8) sanskrite Pindola, unu el la arahatoj en Budaismo.
9) En malnova tempo de Japanujo estis bela kutimo, ke oni aldonis al donacaĵo branĉon de piro aŭ pruno aŭ ĉerizo en plena florado.

la fraŭlino. Kiam ŝi miris treege, kaj en ĝi kuŝis letero kun jena utao: —

Trans oceanon
Kaj montojn mi vojaĝis,
Ho, sen emfazo!
Mi larmis pro ĝojego
Kun tiu ĉi ŝtonvazo.

Kaguja-hime provis vidi, kian brilon havas la vazo, sed ĝi ne brilis eĉ tiom, kiom lampiro. Tial ŝi redonigis la vazon al la princo kun jena utao: —

Ĝi malpli brilas,
Ol rosoj en mateno,
La vaz' nepura!
Do, kion vi ja trovis
En monto de Ogura?[10]

La princo forĵetis la vazon kaj respondis: —

Foriĝus brilo
Renkonte al vi bela,
Kiel blankmonto.[11]
Mi petas vin konsenton,
Sen vazo kaj sen honto!

Sed nenian respondon la fraŭlino donis plu al la princo, ŝi eĉ ne aŭdis lin. La princo fine devis hejmeniri kun tre disŝirita koro.

Ĉar li forĵetis la vazon kaj ankoraŭ petis ŝin, de tiam oni ekuzis la frazon „haĝi o sucu" por la signifo „konduti senhonte." [12]

---

10) Kuŝas en la distrikto, kie troviĝis la vazo. Kvankam propra nomo, ĝi signifas ankaŭ „malhela". Tiuj ĉi vortoj, tamen, al ni ne estas kompreneblaj.

11) Tio ĉi signifas, ke ŝi estis tiel pura kaj bela, kiel monto kovrita de blanka neĝo.

12 La vorto „haĉi" (vazo) fariĝas „haĝi" (honto) pro eŭfonia ŝanĝo. Tial ĉi tiu vortludo bone esprimas du sencojn per unu frazo: *forĵeti vazon* kaj *forĵeti honton*, t. e. *konduti senhonte.*

# Endokrinaj Glandoj (2)

Parolado de Rudolf URBANTITI.
Traduko de Ŝiroo MATANO.

### Hipofizo

Ĝi apartenas al la cerbo. Ĝi estas la glando de piza grandeco kaj havas ruĝbrunan koloron, kaj pezon de nur 1/2 gramo. Sed ĝi estas en tre intima rilato al generaj glandoj. Kiam oni eltranĉas la glandon, la seksdeziro malfortiĝas kaj detruiĝas la spermokanaletoj ĉe viroj, kaj ovofolikloj ĉe virinoj. Plue ĉe virinoj menstruo ĉesas kaj perdiĝas la kapablo de gravediĝo pro enveno de generglandodegenero. Kontraŭ tio, kiam oni detranĉas tiroidan kaj generan glandojn, grandiĝas tiu ĉi glando, kaj post eltranĉo de hipofizo, refoje grandiĝas la timuso.

Se hipofizo tro abunde sekrecias la pituitrinon aŭ se oni injektas lipoidsubstancon de hipofizo subhaŭte, vekiĝas mirinda movodeziro kaj luktemo, la sangotensio altiĝas, tubostoj fariĝas enorme longaj kaj estiĝas akromegalio. Kontraŭe hipofunkcio de hipofizo estiĝas kretenon.

### Pineala Glando

Pineala glando estas malgranda triangula glando en la cerbo, kies pezo estas ĝuste 0.2 gr. ĉe homo kun ĉirkaŭ 17-jara aĝo, ĝi rudimentiĝas kaj la glandohisto transiĝas en kunighiston. La seksundaraj seksignoj frutempe aperas, kiam ĝi estas detruita de tumoro. Tial oni povas konkludi, ke ĝi subpremas la funkcion de generglando. Kiel ekz., ĉe la knabo (7-jara), kiu estis operaciita ĉe la glando haroj enorme dense kreskis, korpo ege longiĝis, pub- kaj vangoharoj rapide elkreskis, voĉoj iĝis basaj, mienoj ŝanĝiĝis en tiun de elkreskinto. Lia menskapablo ankaŭ evoluiĝis paralele kun la korpokresko. Elpreno de la glando kondukas al malgrasiĝo kaj malboniĝo de la nutra stato.

### Surrenaj Glandoj

La organo sidas ĉe la kapo de reno. La elpreno de tiu ĉi glando certe venigas morton post kelkaj horoj aŭ tagoj. Surrena glando sekrecias adrenalinon kaj agas al la periferio de simpatiko. Post la detranĉo de la organo, venas malfunkcio de splanknikaj nervoj, kolapso, konsumiĝo de mensa funkcio, senkonsciiĝo, spasmo, kaj laste morto. Tiam kiel atentinda kromfenomeno sedimentiĝas bronzkoloraj pigmentoj ĉe haŭto kaj mukmembrano kaj la malsanulo perdas blankan koloron de sia haŭto. Oni nomas tiun ĉi malsanon "Adisona malsano". La ekstraktaĵo de tiu ĉi glando havas la funkcion kontrakturi la sangovazojn kaj ilin sklerozigi; nome, adrenalino el medolo, kolino el korteko, (ŝelo). Tiu ĉi glando ŝveliĝas dum pariĝa periodo de animaloj kaj pro fekundiĝo kaj laktsekrecio.

---

hipofizo 下垂體。spermokanaletoj 細精管。ovofolikloj 卵濾胞。tub'osto 管狀骨。akromegalio 末端肥大症。kreteno 侏儒。pineala glando 松菓腺。rudimentiĝi 萎縮する。periferio 末梢。simpatiko 交感神經。splanknikaj nervoj 內臟神經。kolapso 虛脫。sklerozigi 硬化する。

## Pankreaso

La internan sekrecion plenumanta parto de pankreaso estas Langerhans'aj ĉeloj, kies funkcimalhelpo aperas en diabeto kaj malboniĝo de sorbkapablo de intestmukmembrano. Sed aliflanke la sekrecio el la mukmembranoj de stomako kaj intesto bonigas la peristaltojn kaj instigas la sekrecion de galo kaj pankreasfluidaĵo. Nun ni vidas, ke tiroida, timusa, surrena, hipofiza kaj pineala glandoj agas unu al la alia, aŭ en helpa aŭ en malhelpa senco kaj ke ili staras en grava rilato precipe al generglandoj.

## Anatomio kaj fiziologio de virinaj generglandoj

Nun mi pensas, ke vi povos pli facile kompreni, se mi konture klarigos anatomion kaj fiziologion de generglandoj, antaŭ mi tuŝas iliajn hormonojn.

Ĉe virinoj, pirforma utero sidas en hipogastro. Antaŭ ĝi sin trovas urina veziko kaj post ĝi dika intesto. Kompreneble utero estas la neforigebla loko por kresko de feto, sed plue al ni estas konate, ke en ĝi ankaŭ alispeca feto povas kreski. Kiel ekz. la leporino de Malgranda Azio, en kies uteron oni sidigis la feton, kiu estis elprenita de la utero de la leporino de Belgujo kelkajn tagojn post la fekundiĝo, sendis en la mondon la saman kaj maturan leporidon de Belgujo.

La malsupra fino de utero transiras al vagino, tra kiu ĝi estas atingebla de ekstero. De la larĝa supra fino de utero, debranĉiĝas en la ventrokavon ovokondukiloj ambaŭflanke. kies aliaj finoj ĉirkaŭas unu organon kiel la mano de homo. Tiu ĉi organo aspektas kvazaŭ malgranda ovo, iom plata. Pro tio ĝi estas nomata ovario. La ovario estas grava generglando de virino, kie formiĝas la ovoĉeloj, kiuj je 4 semajnoj eliras el ovario po unu. Tra ovokondukilo, la ovo atingas la uteron, kie ĝi atendas la renkonton kun spermatozoo.

Krom tio, la ovario produktas specialan hormonon, dank' al kiu la virino havas virinecajn sekskarakterojn, korpe kaj mense; mamoj, longaj haroj, virineca gorĝo, malgrandaj manoj kaj piedoj kaj la strukturo de talio, kiuj havas la funkcion kiel virino. Ĉiuj ĉi tiuj, krom alia virineca emocia vivo, estas elvokataj de la seksa hormono de virino. La du ovarioj, dekstra kaj maldekstra, havas gravan funkcion. En ĉiu el la du ovarioj sin trovas 3600 da specialaj ĉeloj, nome ovidoj malkaŝite inter kunighistofadenoj. Tiuj ovoj estas ĉiuj enkapsulitaj en membrano kiel kerno de nuko. Ni nomas ilin primariaj folikloj, unu post alia pligrandiĝas ili kaj estas plenigataj de likvaĵoj, kaj fine ili fariĝas t. n. Grafaj folikloj, kiuj sin lokas tuj sub la surfaco de ovario. Kun la erupcio de foliklo ankaŭ la ovaria membrano erupciiĝas. Tiam la foliklolikvaĵo enfluas en ventrokavon kaj oveto de homo estas forsendata, por tiel diri, en liberan universon. Ni nomas tiun ĉi mekanismon de ovulacio. (*daŭrigota*)

## ovulacio kaj menstruacio.

Ĉe la homoj la ovulacio okazas ordinare du semajnojn antaŭ la komenco de menstruacio, pro kio virinoj ofte, sen ŝajna motivo, sentas sin lacaj, sentas doloron, iĝas facilanimaj, kaj fariĝas melankoliaj. La menstruacio okazas pro la perioda moliĝo de

---

Langerhans'aj ĉeloj ランゲルハンス氏細胞。peristaltoj 蠕動。hipogastro 下腹部。urina veziko 膀胱。dika intesto 大腸。feto 胎兒。ventrokavo 腹腔。ovokondukiloj 輸卵管。kunighistofadenoj 結締織纖維。primariaj folikloj 維原始濾胞。grafaj folikloj グラーフ氏濾胞。

uteromukmembrano kaj sekve la malnova supozo, ke la ovulacio estas la kaŭzo de menstruacio, estas jam forstrekita.

Sed ovo povas ĝui sian liberecon nur en mallongaj minutoj. Baldaŭ la ekstremo de ovokondukilo penas enpreni en sin la ovon per sia speciala vibromovado. La ovo kun ebria movo, envagas en ovokondukilon, kie ĝi kopulacias la spermatozoon venintan renkonte al ĝi, kaj ĝi ensidiĝas en uteron por fariĝi embrio. Sed la plejmulto de ovoj ne fekundiĝas kaj estas forpelataj mortinte ĉe la sekvonta menstruacio.

## Hormonprodukto ĉe virinaj seksglandoj.

Dum la restaĵo de Grafaj folikloj en ovario estas plenigata de siaspecaj flavaj ĉeloj. Tiu folikloj nomiĝas flava korpo (*Corpus luteum*), kies ĉeloj sekrecias iuspecan hormonon. Sen ĝi la embrio ne povas kreski en patrina korpo. En kazo de nefekundiĝo, la flava korpo ree, iom post iom degeneriĝas. Post 4 semajnoj anstataŭas ĝin la nove aperinta flava korpo. En kazo de fekundiĝo ĝi restas dum la daŭro de monatoj; ĝi grandiĝas, kaj ĝia hormono influas mirinde la kreskon de feto. En Grafajn foliklojn estiĝas je ĉiu kvaro da semajnoj po unu el la 72,000 da ovoj en ambaŭ ovarioj, nome, dum la vivo kiel virinoj,.... dum 30 jaroj de generkapabla periodo maturiĝas nur 390 da ovoj. Ĉiuj aliaj degeneriĝas evoluinte neniom aŭ ĝis ioma grado. Sed ili ludas gravan rolon, antaŭ ol ili mortas. Ili estas enkapsulataj en molaj ovomembranoj tiel same kiel aliaj feliĉaj, kiuj fariĝas Grafaj folikloj. Ili mortas en tiu ĉi membrano. Sed la ovomembrano, kiu konsistas el kunighisto parte postrestas sintrovante en kunighisto de ovario, inter delikataj ĉeloj, kaj liveras hormonon en malgranda kvanto kiel flavaj korpoj. Ili estas nomataj "interĉeloj", kaj tial, ju pli multe mortas tiaj ĉeloj ĉe knabinoj, des pli multe estiĝas interĉeloj. Sekve knabinoj kreskas pli virinecaj antaŭ pubera stadio.

Kun la enveno de pubera stadio, aperas potencaj flavaj korpoj kaj metamorfozas la knabinojn rapide en maturajn virinojn mense kaj korpe, pri kio mi parolos en postaj partoj.

## Anatomio kaj fiziologio de generglandoj de viroj

En la sekvonta vico oni devas scii kio konsistigas la anatomian fundamenton de viraj generglandoj. La bazo de viraj generglandoj konsistas el unu paro da testikoj, aŭ seksglandoj, kiuj havas similan aspekton kun tiu de ovarioj. La interno de la glandoj konsistas el nekalkulebla nombro de kanaletoj, kie troviĝas milionoj da spermoĉeloj. Tiuj ĉi kanaletoj kuniĝas en pli larĝajn kanaletojn. La lastaj kanaletoj ĉiuj finiĝas je apudtestikaj kondukkanaletoj, sin trovantaj en apudtestikoj.

La apudtestikoj konsistas nur el kanaletaro, kun multaj faldoj komplete ĉirkaŭitaj de nervoj kaj sangovazoj. Ili transiras plu en spermokondukilojn, kiuj elirinte el la skroto pendanta malsupre ekstere de la ventrokavo, pasas sur pubostoj, kaj nur nun eniras en ventrokavon. Ĝuste tie, ĉe la loko de utero de virino, sin trovas prostato, post urina veziko kaj antaŭ rektumo. Ĝin traboras spermokondukiloj de supre malantaŭen. La sekreciaĵo de prostato eliĝas kune kun spermoĉeloj en uretron, kiu el urina veziko elirinte, pasas la mezon de prostato. (*daŭrigota*)

---

ovulacio 排卵。kopulacii 接合する。flava korpo 黄體。ovomembrano 卵膜。interĉeloj 間細胞。metamorfozo 變態。spermoĉeloj 精細胞。spermokondukilo 輸精管。pubosto 耻骨。prostato 攝護腺。rektumo 直腸。uretro 尿道。

# Pri la Problemo de Vino.

D-ro, T. JASUDA, Vicprofesoro de Patologio,
Osaka Imperia Universitato.

Unu el la plej malnovaj problemoj de la homaro en moralaj kaj ĉiutagaj vivoj estas la problemo de vino, aŭ pli ĝuste, la problemo de ĝuado de vino. Ĉu oni povas kaj rajtas ĝui la vivon per si mem? — tio estas la grava demando. La problemo de alkoholo prezentas nur unu parton de tiu ĉi pli ĝenerala, pli grava demando.

Ĝui la vivon estas vivi tute nature, sen iaj eksteraj kondiĉoj kaj internaj subpremoj, en aliaj vortoj, vivi laŭ sia volo kaj bontrovo, tute ne zorgante pri aliaj homoj: vivi pro si mem. Ĉu tia vivmaniero estas bona aŭ malbona, morala aŭ ne? Vi ja tuj respondas: Tia vivmaniero estas bona kaj morala, kiam oni vivas tute sola en la mondo. Sed ĉar homo estas besto sociala, ĝi vivas kune kun siaj najbaroj. Oni ne povas vivi tute sola en la mondo. Sekve la problemo ŝanĝiĝas. Vivi pro si mem tiam ne taŭgas por la homaro. Iu volas vivi iamaniere, alia volas alie, kaj tiel okazos ĉiam kaj ĉie tumulto, ĥaoso. En societo, kiu konsistas el multaj homoj, oni ne povas vivi laŭ sia volo kaj bontrovo, ne oferante pro tio ĉi la volon kaj bontrovon de aliaj homoj. En nuna societo oni devas tiel fari multe da kondiĉaj reguloj, kiuj malpermesas tiun aŭ alian agadon de ĉiu membro de la societo.

Nun ni revenu al la demando de alkoholo. Mi ne scias, kiu do elpensis tiun ĉi frandaĵon, aŭ pli bone, ĝojigan materialon de la vivo. Sed preskaŭ en ĉiuj landoj de la tuta mondo, oni havadis siajn proprajn alkoholaĵojn, ekzemple angloj viskion, francoj vinon, germanoj bieron, japanoj sakeon ktp. ekde la plej malproksima tempo. Kial? Certe ekzistas kaj devas ekzisti la grava kaŭzo je ĉio ĉi. Ni devas por tio ĉi iom pripensi pri la influo de alkoholo sur homajn korpojn el tute sciencaj vidpunktoj. Antaŭ ĉio mi petas al vi, ke vi ĉiuj bone notu al vi en la memoro sekvantan fakton, kiun instruas scienco: Alkoholo efikas ne instigante, sed paralizante. Nia vivo, kiel mi parolis supre, konsistas el multe da malagrablaj aferoj, kiuj elvenas el la kondiĉaj reguloj: faru tion kaj ne faru tion kaj tion; tiaj aferoj malagrabaj estas pli aŭ malpli multe sufokantaj por la koro kaj la korpo de ĉiu persono. Sed dank' al Dio fine elpensis la homaro unu rimedon kontraŭ tio ĉi.

Tio estas alkoholo. Alkoholo efikas paralizante kaj forgesigas nin pri niaj malagrablaj, sed samtempe paralizas alkoholo tiel nomatajn pli altajn sentojn de la homo, kiel ekzemple, amo al najbaroj, amo al abstraktaj aferoj, kaj lasas post si, kiel restaĵojn, pli naturajn, sovaĝajn instinktojn. La trinkanto, aŭ pli ĝuste, drinkanto de alkoholaĵo tiam sentas sin tre ĝoja kaj gaja, ĉar al li mankas konsideroj subtilaj. Li estas nur sovaĝa sklavo de siaj naturaj instinktoj. Ĉio nobla, ĉio eleganta estas ĉe li perdita. Oni povas ja diri, ke malantaŭ ĉiuj krimoj kuŝas ĉiam alkoholo. Tiel mi analizas la suferantojn de alkoholo, aŭ diri science, de dipsomanio. Tio estas la malbona flanko de alkoholo.

Sed ekzistas ankaŭ alia flanko, mi devas konfesi. Nia vivo fariĝas ĉiam pli kaj pli malfacila, kaj instigojn ni bezonas tre kaj tre forte. Ĉiam pli la instigoj ordinaraj ne estas sentataj de ni kiel instigoj mem. Oni bezonas nun aŭ tre fortajn, aŭ iom ŝanĝitajn, eksterordinarajn, abnormajn instigojn, por ke oni povu senti sin feliĉaj. Tiamaniere la gustoj de la homoj fariĝas iom post iom abnormaj. Tia malsanece inklinita kapo estas de nia epoko, tute moderna. Ankaŭ en tiu ĉi okazo alkoholo ludas la plej gravan rolon. La ebrio per alkoholo donas al tiaj modernaj aĉuloj la plej mirindan efikon. Ili sentas sin tiel feliĉaj, ke ili nenion timas, neniom ŝanceliĝas. Ili agas kuraĝe, kion kaj kiel ili volas.

Tiel ankaŭ naskiĝis multaj modernaj poetoj. Iliaj poemoj estas pleje kreataj en la daŭro de la ebrieco de iliaj kapoj. Mi nomas ekzemple Verlaine, Baudelaire. Tio estas la bela flanko de alkoholo.

Mi ne intencas tamen kulpigi alkoholon je ĉio ĉi. La vivmaniero, la konstruo de la societo mem estas ja kulpaj, mi bone scias. Mi ne povas aliflanke jesi la proponon de la abstinenculoj entute. Forpreni de laboristoj ilian alkoholon estas tre bone, kaj tial vi, sekigistoj, volas. Sed samtempe donu al ili anstataŭ alkoholaĵo ion pli efikan, pli ravegan. Se vi tion ne povas, via bonega propono restos por ĉiam malvivaj literoj. Do kion fari? Ĉu ekzistas en la mondo io, kio havas pli mirindan econ kaj kio estas pli facile akirebla ol alkoholo? Tute ne. Iu el vi eble diros "Vidu amerikanojn. Jes, vi pravas Usono estas seka, oni diras, sed nur supraĵe. Mi kuraĝe diras, eĉ en la nuna tempo, alkoholaĵoj estas akireblaj en Usono tute same kiel antaŭe, sed ilia prezo estas tre kara. Laboristoj jam ne povas ilin ricevi, kaj eĉ trinkas por ili facile akireblan metilalkoholon, kiu estas uzata en fabrikoj, kaj kiu estas cent aŭ mil fojojn pli venena ol ordinara etilalkoholo, kiun enhavas ordinaraj vinoj nur je iaj kelkaj procentoj en si. Ĉu vi tion volas, tiel deziras?

"La rekonstruo de la societo pro si mem devas okazi kaj tuj," diros aliaj. Tio estas ankaŭ tre bona, sed kiel estos la rezultoj de la rekonstruo? Ĉu homoj tiam povos vivi sen alkoholo? Mi ne kuraĝas tiel paroli

Sekve resumante ĉion, kion mi diris ĝis nun, mi venis al sekvantaj rezultoj. La problemo de alkoholo restos en la estonteco tute tiel same kiel hodiaŭ unu el la plej grandaj problemoj de la homaro. Forigi ĝin entute ni jam ne povus. Oni estus tre feliĉaj, kiam oni povus vivi sen alkoholo. Ni devas progresigi tiun ĉi malfacilan celon almenaŭ je unu paŝo. Jes, Vere. Sed vi devas pripensi sekvantan fakton: La mondo konsistas el multe da nesaĝaj homoj kun plej malmulte da saĝaj. Kiel malfacila estas la laboro, vi ne povas eĉ imagi

Feliĉe alkoholo en malgranda kvanto efikas ne tre malbone sur homa korpo. En tiu ĉi punkto konsentas preskaŭ ĉiuj medicinistoj. Kelkaj kristanoj tute ne trinkas vinon, aliaj kristanoj ĝin trinkas en tre granda kvanto. Sed aŭdu kion Jesuo Kristo diris antaŭ sia morto: "Ĉi tio estas mia sango!" Do, karaj amikoj, ne nur kristanoj, estu gajaj kaj trinku unu glason da vino aŭ sango, festante nian bonsanon kun nia Savanto. Alkoholo estas nia eterna malamiko, kaj samtempe nia neforigebla amiko.

# La Sociaj Kaŭzoj de la Vagabondeco ĉe Infanoj

Henriko GELB, *Varsovio*

Pripensante la etiologion de krimo ĝenerale, kaj etiologion de krimo ĉe infano, speciale, oni ne povas preterlasi vagabondecon, kiu ĉe la infanoj estas plej ofte la unua paŝo en la malliberejon. Krom tre malmultaj esceptoj, ĉiu plenaĝa krimulo, ĝuste tiu, kiu utiligas la krimon profesie, tiu plej danĝera speco de krimulo, estis en sia infaneco, edukito de plibonig-domo, en kiun li venis pro iu malgrava trapaŝo kontraŭ la leĝo. Unu paŝo antaŭ tiu plibonig-domo estas la vagabondeco, kaj unu paŝo post ĝi venas malliberejo, kaj komence por mallonga tempo, kelkmonata, kaj poste je pli severaj verdiktoj.

Tiamaniere de vagabondo fariĝas krimulo, poste krimulo profesia, kontraŭ kiu vane batalas la leĝo kaj puno, kaj fine oni devas nur pensi, kiel sendanĝerigi tiun homon, ĉar tian degeneriton plibonigi oni jam ne povas.

Se la vagabondeco ĝenerale, kaj la vagobondeco de infanoj speciale tiom okupas lastatempe la sciencon, fariĝinte problemo de grava socia signifo, tio okazis ne pro iu alia kaŭzo, nur pro tio, ke la esploroj kaj observoj faritaj je homoj agantaj krime elmontris, ke la plej granda parto el ili, sian elementan "krimulan lernejon" faris en la vagabondeco. Kelkaj scienculoj volas kompreni, ke la vagabondeco ĉe infanoj estas psikologia aperaĵo, ke en la infano troviĝas ia vagabondemo, iaj speciale vagobondaj dispozicioj.

Tiajn denaskiĝajn dispoziciojn la infano ne posedas. Sed oni povas aserti, ke la psiko de iuj infanoj, kiu estas rezultato de tuta komplekso da, de ekstere venantaj, influoj, posedas ian inklinon, aŭ pli bone dirite, ĝi ne estas tiom rezistema kontraŭ diversaj influoj, allogaĵoj — kaj same al vagabondeco. Diversaj esploroj sciencaj montris, ke la sociaj kaj ekonomiaj kondiĉoj de la medio en kiu edukiĝis la infano, havas decidan influon al la formiĝo de la moralo de l' infano. La ekonomiaj kondiĉoj en kiuj kreskas grandaj aroj da infanoj, nepre lasas postesignojn sur ilia psiko, kiu formiĝas alie ol ĉe la infanoj, vivantaj en bonaj kondiĉoj ekonomiaj. Mi ne citos tie ĉi ekzemplojn de influo de la "ekstera mondo" al la psiko de la infano, ĉiu ajn konas tiajn ekzemplojn, renkontitajn sur ĉiu paŝo de nia vivo. Tie ĉi mi prezentos kaj priparolos sciencan esploron, faritan de speciala institucio en Varsovio. La juĝejo por malaĝuloj en Varsovio, kiam ĝi havas junan krimulon, malfacile rekoneblan kaj kiun oni ne povas klasifiki al tiu aŭ al alia kategorio de krimuloj, tiam ĝi sendas tiun krimulon al la Pedologia Konsultejo por precize lin esplori. De tiuj esploroj montriĝas, ke ĉirkaŭ 50% da tiuj krimuloj estas bagabondaj, junuloj sendomaj, pasigantaj ĉiun nokton en alia loko. La statistiko elmontris, ke inter la junulaj krimuloj troviĝas 65 % da vagabondoj. Kaj nun; ĉar inter la junulaj krimuloj la vagabondoj okupas tiom multe da loko, ni esploru pli precize: 1) la kaŭzojn de la vagabondeco, 2) kiaj klasoj de la socio kaj kiomgrade ĉiu el ili partoprenas en la vagabondeco. Laŭ kelkiuj scienculoj, la kaŭzoj de la vagabondeco estas eksteraj kaj internaj. En la unuan kategorion ili enkalkulas la sociajn kondiĉojn kiel la ekonomian vivon, la okupon de la gepatroj kaj fine, la influon de la ĉirkaŭo, antaŭ ĉio la "straton". 100 esploritoj de la supre menciitaj infanoj, preskaŭ ĉiuj devenas el laboristaj klasoj, el la plej mizeraj proletoj.

La familioj de ĉiuj infanoj, en plej multaj kazoj ĉerpis sian vivtenon el strata vendado, socia subteno, almozado, k. t. p. kaj multfoje, ĝuste tiuj malgrandaj vaguloj devis nutri la tutan familion, atingante tion per gazet-disportado, vendado de

bombonoj en la strato, almozpetado k. t. p. El 57 respondaj, 31 montris, ke kelkpersona familio vivas tutan monaton por, de 10 ĝis 40 polaj zlotoj (=4-16 germanoj markoj). Nun ni imagu la mizeron, kiu plej forte esprimiĝas en la loĝejo kondiĉoj. De 91 vaguloj, 61 loĝis en 1-ĉambra loĝejo (en kiu kelkfoje loĝis ĝis 11 personoj!), 16 en 2-ĉambra, 13 en 3-ĉambra, naŭ ne donis respondon, unu estis sendomulo. El ĉiuj esploritoj, 36 havis por si liton, 38 havis liton komunan kun ankoraŭ unu persono, 10 havis liton komunan por 3 (tri) personoj, kaj la resto dormis: "sur benko, sur la tero, aŭ kie okazis".... Tiuj vivkondiĉoj de la esploritaj infanoj sendube lasis profundajn postesignojn sur ilia psiko infana, formante ĝin siaspece.

La dua ekstera kaŭzo de la vagabondeco estas la familiaj kondiĉoj. De la 100 esploritoj, preskaŭ neniu vivis en bonaj kondiĉoj familiaj. 52 cetere, estis orfoj aŭ duonorfoj. Konsiderinte la gravan influon de la hejmo al la infana psiko kaj ĝia evoluo, ni komprenos kio mankas al la infano, ne havanta tiun unuan medion. Kaj pli grave; la infano, kiu ne havas hejmon, anstataŭigas ĝin per la "strato". Niaj ekzemploj montris grandan procenton da infanoj kies gepatroj estis alkoholuloj, kaj ĉirkaŭ 50 % de la infanoj mem montris inklinon al alkoholo. Laŭ la adresoj montriĝis, ke krom esceptoj, kiuj loĝis en la mezo de la urbo, ĉiuj esploritoj loĝis en la antaŭurboj, en la plej malriĉaj kvartaloj, kie malpaco, interbatiĝo kaj krimo estas normalaj aperaĵoj. La prezentita medio, kiu tute certe influas la infanon, estas pasiva, ĝi influas la infanon, kiu simple alkutimiĝas al tiaspeca vivo. Sed krom tiu pasiva medio ekzistas ankaŭ medio aktiva; la infano de riĉa familio, ne nur havas manĝon kaj loĝejon, sed ĝiaj aliaj voloj, deziroj kaj bezonoj estas ankaŭ kontentigataj, ĝiaj instinktoj estas direktataj al ĝusta vojo, ili estas ĝuste bridataj kaj formataj, kaj ĝia energio estas bone utiligata. Sportoj, ludoj, distraĵoj, ekskursoj, teatro, kino kaj multaj similaj, jen estas tio, kion mi nomas aktiva medio, arte kreita por la riĉa infano, kiu kreskas, kvazaŭ palmo kultivata. Ĉi ĉio havas grandegan signifon por la evoluo de la infana psiko, kaj ĝin ne posedas la malriĉa infano, kaj tiu neposedo estas des pli forta, kaj doloriga, ĉar la malriĉa infano tion ĉi vidas ĉe sia riĉa samaĝulo. La ekonomiaj kondiĉoj estas en la plej multaj okazoj, sendirekte, la solaj motivoj de vagabondeco. La infano forkuras el la domo, kiam ĝi opinias la vivon ekster la domo pli bona ol tiu en la domo. La infano multfoje forlasas la hejmon pro timo de la ebria patro, minancanta ĝin mortigi. En tiu okazo, la infano preferas pasigi la nokton ie en kelo, sub ponto, aŭ ie ajn, opiniante ĉi tion pli utila ol la danĝera restado kun la ebria patro, batanta la infanon sen kaŭzo. Kompreneble, tiu infano ne deziras la vagabondecon, ĝi elektas la vagadon kiel *malum necesarium.*

Cetere, la forkuro el la domo ĉe infano normala, normale edukita kaj vivanta en normalaj vivcirkonstancoj—miaopinie—ne okazas. Ni vidu nun, ĉu ekzistas ia dependeco inter la vagabondeco kaj la aĝo de la vagabondoj.

Nia materialo montras, ke la plej granda nombro da vaguloj, estas infanoj en la aĝo de 10—13 jaroj. Oni povus do pensi, ke la maturiĝado de la infanoj en tiu aĝo ludas decidan rolon. Sed kiam ni bone analizas tiun okazaĵon, ĝuste kun konsidero de la maturiĝado, ni trovas, ke tiu periodo ĉe la infanoj multe malfortigas ilian rezistemon, kaj ĝi ankaŭ pli forte kuraĝigas la infanon por ke ĝi elektu: resti en la domo, ĉiunokte esti vekata de la mizera dormloko, suferi malsanon, malsaton kaj piedbatojn,—ĉu forkuri, forlasi tiun malbenitan inferon kaj iri en la mondon por serĉi pli bonan vivon. Sed neniam la nuraj psikologiaj dispozicioj en tiu aĝo puŝos la infanon al forkuro, neniam normala infano forlasos sian molan liteton kaj bongustan vespermanĝon por serĉi tranokton ie en la strato.

Kelkaj scienculoj asertas, ke ekzistas infanoj, kiuj komencas vagadon sub la influo de kino kaj tralegitaj libroj, kaj, ke tiuj forkuroj ne okazas sub la influo de la vivkondiĉoj nur pro la fantazio. Kiel res-

